XXXIII-a Jaro — N-ro 440 — 10 Aprilo 1937


# ESPERANTO

**Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**


# La situacio de nia literaturo

**Stato 1920 - Supreniro - Novaj ideoj - Bilanco 1936 - Perspektivoj - Nova servo**

### Stato 1920

La literaturo de Esperanto estas unu el la pilastroj de nia movado. Lingvo sen literaturo similas al korpo sen sango. Komparante la internacian lingvon kun nacia, precipe tia de malgranda popolo, Esperanto okupas nekontesteblan lokon elstaran, laŭ la ekzistanta librotrezoro.

Konvenas ĉi-jare atente observi la situacion de l'Esperanto-literaturo. Antaŭ jaroj aperis en tiu-ĉi gazeto artikolo, kritikinta certajn malbonajojn en tiu-ĉi fako. Se hodiaŭ, ĉe la sojlo de nia jubileo ni rigardas tion, kion oni atingis, necesas memori la staton en 1914-20.

Ĝis la jaro 1914 la eldono de esp. literaturo estis en la manoj de kvar ĝis kvin firmoj, ĉirkaŭ kiuj ariĝis eldonistoj okazaj. Estris por tiel diri la eldonadon, la firmo Hachette, la sola entrepreno ne-esperantista, kreinta gravan sekcion por Esperanto. Gia konkuranto esperantista estis la Presa Esperantista Societo, akcia entrepreno esperantista en Parizo. En Germanujo laboris firmo Ader & Borel, en Britujo la Brita E-Asocio, ambaŭ pure esp. eldonejoj.

La eldonaĵoj ĝis tiu-ĉi tempo estis, ni konstatas tion sen malica intenco, pli ol modestaj laŭ aspekto. Escepte kelkajn elstarajn verkojn, la granda plimulto prezentis sin en vestaĵo simpla iel eĉ primitiva. Per ili efektive oni ne povis impresi aliulon. Eble tio ludis ankaŭ rolon kiam la demando pri internacia lingvo estis diskutita ĉe Ligo de Nacioj. Povus esti, ke disponinte tian riĉan belaspektan libraron, kian ni havas hodiaŭ, la decido pri Esperanto estus fariĝinta alia. Militviktimoj fariĝis la sekcio esp. ĉe la firmo Hachette, kaj la esp. konkuranto la Presa Societo. Solaj sur vasta batalkampo restis la du ceteraj jam nomitaj. La rekonstruo ne estis simpla. Nova situacio postulis novajn labormetodojn.

### Supreniro

La eldonagado post 1920 lokiĝis sian pezo-centron de l'okcidento al centro. Por poste disradii al sudo kaj nordo kaj eĉ al ekstrema oriento.

Ŝanĝis ankaŭ la aspekto de la libro. Plaĉa aranĝo, metode sekvata. Veraj juveloj por esp. libro-amanto estas la eldonaĵoj de firmo Hirt & Sohn, Leipzig, tranĉa diferenco kontraŭ la ĝistiama aspekto primitiva de niaj eldonaĵoj.

Ĝojiga progreso estis ankaŭ la seria eldono je favora prezo de la « Biblioteko Tutmonda » sub gvido de Friedrich Ellersiek, eldonita de gravega ne-esperantista firmo en Berlino. La perdo de Hachette estis kompensita.

Kiel nur-esp. entrepreno la eldonejo « Heroldo de Esperanto » kvazaŭ kompensis la malaperon de la Presa Societo. Ĉio promesis progreson kaj ĝojigan evoluon. Se tamen la vendo ne estis tute kontentiga, ĉi-tio estas ŝuldata al la profundaj ŝanĝoj ekonomiaj kaj sociaj.

### Novaj ideoj

En nia literaturo beletristika ni devas diferencigi la verkaron originalan kaj la tradukan. Kaj en la traduka literaturo estas ankaŭ du specoj de verkoj: unu libera je aŭtor-rajto, do verkoj kies datreveno de l'aŭtora morto atingis la 30 jarojn, kaj la verkoj kun aŭtor-rajto. Interesan provon entreprenis tiam « Heroldo de Esperanto » kun la eldono de la militromanoj de Remarque, sukcesegoj laŭ librista vidpunkto. Atentinda estis ankaŭ la lingva flanko, ĉar la traduko de la soldata parolaĵo postulis povon de penetrado en la lingvon pli profunda ol ĉe ia am-rakonto. La svedaj eldonpionieroj provis similan vojon per la samtempa eldono — apud tiu en 16 aliaj lingvoj — de la libro pri Andrée « Per balono al Norda Poluso ».

La samtempa eldono en Esperanto de tia efikaĵo estis bonega ideo; ke ĝi estis riskaĵo ni nur menciu preterpasante.

La ekzemplon daŭrigis aliaj. Kaj tiel nia libraro posedas hodiaŭ verajn juvelojn de libroj modernaj, ni citu nur la verkojn de Selma Lagerlöf « Gösta Berling » de Axel Munthe « La romano de San Michele », de Blasco-Ibanez « Sango kaj sablo » de Upton Sinclair « Petrolo », de Oppenheim « La ora ŝtuparo » k.a.

La talentaj tradukistoj kaj la kuraĝaj eldonistoj meritas la sole kontentigan dankon: disvastiĝon per aĉeto.

Alia ideo efektivigita estas la metoda apero de Antologioj. La serion inaŭguris la katalunoj per la impona eldonaĵo « Kataluna Antologio ». La esp. librobretaron nun ornamas bela serio: Belga (franca k. flandra), Bulgara, Ĉeĥoslovaka, Estona, Hungara, Kataluna kaj Sveda Antologioj. Necesan unuformecon certigas koncentrigo en sama eldonejo laŭ aliaj metodoj en eldono kaj disvastigo, (Literatura Mondo). Tiaj antologioj peras plej bone konon pri literaturo de fremda popolo; ke oni speciale atentas malgrandajn naciojn estas aparta karakterizaĵo.

### Bilanco 1936

Ĝis 1933 ni povas konstati valoran progreson en la eldonado. Ja eĉ en landoj ĉe la periferio de l'agado aperis entreprenemaj eldonistoj kiuj riĉigis nian bibliotekon. Ekzemple en Nederlando. Kaj en Japanujo sinsekve aperis belege presitaj instrulibroj kio supozigas ke pli malfrue aperos ankaŭ beletristikaj verkoj je kondiĉoj favoraj.

Depost 1933 la situacio aliformiĝis. Ne abrupte, kvazaŭ guto post guto. Kulpa estas la gravaj politikaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj en la tuta mondo.

Kaj je fino de 1936 la bilanco montris la gravegan perdon de Germanujo, malapero de la plej agemaj eldon-firmoj en Esperanto: Ellersiek, Heroldo kaj Hirt. Kun ili antaŭ la germana klientaro. Bato duobla.

Valorus jeti rigardon ankaŭ sur la ciferojn. Siatempe la Bibliografia Servo de UEA nombris kaj esploris la financan flankon de la eldonado. Tiu ĉi servo estis interrompita en 1934. La nesufiĉaj indikoj ne permesas prezenti same precizan bildon kiel en la jaroj 1930 ĝis 1933, sed provo estu farata. Kaj montriĝas jena stato: (La ko ono « amplekso » indikas nombron de paĝoj de ĉiuj libroj aperintaj; en la dispartigo broŝuroj kun malpli ol 16 paĝoj ne estas atentataj).

Ni konstatas do senteblan malsupreniron de la nombro kiel ankaŭ de la valoro. Tiel aspektas la debitpaĝo de la esp. literaturo je la fino 1935. Kaj 1936 estas ankoraŭ pli malbona.

| Jaro | Amplekso laŭ paĝoj | Nombro de libroj | Nombro de verkoj laŭ paĝamplekso | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | Paĝoj: 17-80 | 81-160 | 161-240 | 241-480 | 481-560 |
| 1930 .. | 19.930 | 119 | 74 | 28 | 8 | 9 | — |
| 1931 .. | 12.385 | 138 | 90 | 25 | 11 | 10 | 2 |
| 1932 .. | 12.555 | 155 | 103 | 39 | 6 | 6 | 1 |
| 1933 .. | 11.607 | 100 | 53 | 21 | 13 | 11 | 2 |
| 1934 .. | 9.602 | 79 | 32 | 23 | 11 | 6 | 3 |
| 1935 .. | 9.421 | 81 | 31 | 20 | 12 | 6 | 2 |

Kiel sur aliaj kampoj de internacia agado, ankaŭ la eldonado do devis sperti la ŝanĝitan tempon. La libera montrafiko, ĉefa kondiĉo de simpla vendado, ne plu ekzistas por multaj landoj. Ŝanĝis ankaŭ la vivnivelo, alie dirite multaj samideanoj ne povas akiri esp. literaturon. La klientaro por la esp. literaturo limiĝas al kelkaj landoj. Orienta Eŭropo, la ekstrema oriento, la Balkano staras flanke. Kaj mankas la soveta Unio plie Germanujo. Jen la aspekto de la kreditpaĝo.

### Perspektivoj

Estas plendinda fakto, ke la vendo de esp. libroj ne estas kontentiga. Kulpas je tio grandparte la malpliiĝo de la enspezoj ĉe nia publiko kaj la neebleco por multaj eblaj aĉetontoj, vidi la librojn. Por agi kontraŭ tio, Literatura Mondo organizis migrantan ekspozicion de libroj mendeblaj, akompanatan de prelegoj pri literaturaj temoj. Nova maniero celresponda. Alia problemo restas ankoraŭ solvota: La akiro al la libromerkato esperantista de klientoj en landoj nuntempe kvazaŭ izolitaj pro la ekonomiaj baroj. Atentindaj esploroj de la problemo kondukis jam al konkreta plano pri kies efektivigo apero baldaŭ informo.

### Nova servo

Kiamaniere UEA povus interveni en tiu ĉi agadkampo de disvastiĝo de esp. literaturo? Siatempe, por doni novan impulson al la kaduka librovendo, la Libroservo de UEA enkondukis la favoron de rabato sur ĉiuj libroj esp. — al la membroj de UEA — Tiu ĉi favoro estis forigita sekve de insista kontrauago de certaj « bonaj amikoj ». Saman percepton havis la premioj de UEA, servo al la membroj statute fiksita sed forigita de la estraro 1935 pro ŝparo. Montriĝas nun alia ebleco por altiri la intereson de la esp. publiko al nia literaturo kaj ĉefe akceli vastan disvastigon. Pri tiu ĉi ebleco, bazo de nova servo de UEA, informo aperos post nelonge.

H. J.


# Universala Esperanto - Asocio

**Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

# LITERATURO

## Polujo, lando kaj popolo

*Ni publikigas tie ĉi priskribon de la pola kamparo, el libro de D-ro Edmond Privat, « LA POLOGNE SOUS LA RAFALE » (Polujo sub la ventego) aperinta dum 1915. D-ro Privat siatempe vizitis Polujon kiel korespondanto de grava gazeto kaj liaj priskriboj pri ĉio vidita ĉe batalfronto faris fortan impreson. En sekvantaj numeroj de ESPERANTO aperos alterne artikoloj pri renaskiĝinta Polujo, lando, popolo, kaj vivo.*

## La pola kamparo

*De Edmond Privat.*

B..... (Rusa Polujo) Majo 1915

Mi promesis al mi antaŭ mia forveturo, vidi la veran polan kamparon alie ol vizitante la ebenaĵojn ĉagrenplenajn kie la milito detruis ĉion. Mi deziris trovi lokon kie mi povus admiri ĝin viva postkiam mi vidis ĝin ĉie morta kaj kripligita.

Necesis fari longan vojaĝon, ĉar ne restis multe da tiuj insuletoj pacaj en tiu ĉi kompatinda Polujo de ĉiuj flankoj elrabita. Mi finis malkovri regionon protektitan kun belaj vilaĝoj, kie neniu kanonkuglo senkapigis preĝejon aŭ frakasis antikvajn sonorilegojn.

Kia bona surprizo kaj kiel estas dolĉe spiri la pacon, post tiom da terurajoj.

Estas dimanĉo. La kamparanoj revenas de la meso. Ili marŝas trankvile kaj la infanoj antaŭiris sin tenantaj ĉe mano.

Niaj ĉevaloj trotas gaje tra la kampoj ĉar la strato estas pli malbona ol torento firmigita.

Ĉie oni sentas la printempon kaj la kamparo komencas verdiĝi. La unuaj floroj blankigas la dornobarilojn. La ĉielo estas hela kaj plenigita je paco.

Kiel oni volus ke la kompatindaj militistoj en la tranĉeoj povu veni tien ĉi por ripozi dum kelkaj tagoj! Por ili, la kotoplenaj herooj, kaj por ni, kiuj vivas ankaŭ en milito de la plumo, preskaŭ same aĉa kiel la alia, ĝi estas vera paradizo, tiu ĉi simpla angulo de ĝojiga verdaĵo, de koketaj dometoj, bela farmdomo kaj nenia freŝa tombo ĉe la horizonto.

Tamen la milito estas ankoraŭ tro proksima ĉar oni aŭdas la rusan kanonon grumblantan en okcidento kiel fora fulmotondro.

Oni maljungas la ĉevalojn en la korto. La gastiganto nin atendas sur la ŝtuparo ligna kaj nin kondukas domen por proponi al ni tason da teo. Granda forno fajenca ronkas en la angulo de la ĉambro. Ĉasarmiloj pendas ĉe muro kaj du portretoj estras ĉion: Henriko Sienkiewicz kaj aliflanke la poeto Mickiewicz, dudekjaraĝa, kun malfermita kolumo kaj la romantika kravato laŭ maniero de Byron.

La gastameco pola estas embarasiga. Anstataŭ glason da teo, la tablo estas kovrita en momento per manĝaĵoj la plej diversaj kaj abundaj. La domestrino invitas nin honorigi la buljonon el betoj, skarlatruĝa kaj velura, kiun oni gustumas kun malgrandaj varmaj pastaĵoj kaj terpoma kaĉo. Kaj ĉar oni ne trovas nek vinon nek brandon, estas per frambo-likvoro farita hejme, ke ni trinkas je Polujo renaskiĝanta kaj libera.

Sur la verda monteto, ĉe angulo de arbareto, troviĝas farmdomo modela kun la konstruaĵo rozkolora de mastrumkortoj.

Ankoraŭ verko ŝuldata al privata iniciato. Kvardeko de knabinoj faras tie bonegajn studojn praktikajn.

Kiam ni alvenis tien ĉi, la pordoj estas fermitaj kaj ni multe klopodis por ke oni malfermu al ni. Ĉiuj estas en la granda salono de l'unua etaĝo kie ĉi tiuj fraŭlinoj donas reprezentadon de komedio kaj de polaj kantoj.

Oni pridubis viziton maloportunan flanke de la polico. Tamen temas pri arto kaj ne pri politiko.

La parencoj venis multnombre. Estas kamparanoj de najbaraj distriktoj. Iliaj ĉaroj estas starantaj linie en la korto kaj la ĉevaloj pace furaĝas antaŭ la domo.

La teatraĵo daŭrigas kaj la vizaĝoj heliĝas denove vidante ke la vizitantoj ne havas malamikan intencon. Ĉi tiuj junulinoj estas viglaj kvankam timemaj. Ili ludas sen mallerteco kaj scias interpreti la rolojn kun delikateco kaj multe da vervo. Pluraj el ili havas belan voĉon kaj metas tutan animon en la kantoj kiuj tuŝas niajn korojn. Unu el ĉi tiuj kamparaninetoj estas poetino, sed ŝi timas reciti siajn versaĵojn. Ŝi tremetas iom, deklamante kun sufiĉa vigleco. Ŝi rakontas la mizeron de la bruligitaj vilaĝoj, la funebron de la detruitaj hejmoj kaj la esperon kiu renaskiĝas kiel rompebla lekanteto sur la kara tero, saturita de sango kaj larmoj. La emocio nin kaptas ĉiujn. La pola lingvo aperas al mi pli harmonia ol iam.

Tiu junulino estas deknaŭjaraĝa. Ŝi estis deksesjara, kiam ŝi ekiris en la lernejon kaj scipovis nek legi, nek skribi, kiel la plejmulto de la novaj lernantinoj. Jen ŝi malsupreniras al la bovejo por melki la bovinojn kun siaj kamaradinoj, dum la ĉambrego malpleniĝas post la lasta sceno de l' programo.

La dormejoj estas ornamitaj kiel helaj kapeloj per statuo de la Virgulino kaj multe da verdaĵo. Malsupre troviĝas la brodaj-kaj teksaj-metiejo. Oni tranĉas por mi, en la metiejo de la poetino, grandan pecon de multkolore striita ŝtofo, kiun mi forportas kiel memoraĵon.

Mi vidas, ke la lernantinoj adoras sian lernejon, ĉar multaj malnovaj revenis hodiaŭ kaj esprimas sian ĝojon, retrovi unu la alian ĉi-tie. Ĉi-tiuj estas jam ĉiuj edziniĝintaj. Laŭdire ili ekzercadas veran apostoladon ĉirkaŭ sin kaj plibonigas siajn vilaĝojn, disvastigante la emon al instruiteco, la purecon, la higienon kaj la modernajn kampkulturajn procedojn.

La entuziasmo por instruitemo prenas, ĉe la polaj kamparanoj, poeman kaj kortuŝan formon, kiun envii oni ne povas sin deteni.

Sin instrui estas por ili patruja idealo, des pli ke la ĝendarmoj kondukas en malliberejon ĉiun ajn, kiun ili surprizas instruanta legi lian najbaron. Tiu persekutado donas al la studado tragikan kaj sanktan karakteron, taŭgan por ekflamigi la popolan fervoron.

Eĉ en la orfejoj kaj en la mastrumaj kursoj estas malpermesitaj la lecionoj de nacia lingvo. Tio sufiĉas por kreskigi la individuan iniciaton kaj la fervoron al individua laboro.

La junuloj havas siajn kursojn malsupre en la vilaĝo. Maljuna patrioto, post reveno de ekzilo, konstruigis muzeon por siaj kolektoj kaj mebligis kelkajn ĉambrojn kiel lernejon. La junulinoj iras tien por la lecionoj de naturscienco kaj de ĥemio, kiujn ili sekvas kun la junuloj.

Ĉe la teretaĝo funkcias ŝparkaso privata kun diversaj interhelpaj servoj por la loĝantoj de la komunumo. Estas korpremige, ke tiom da bonegaj aferoj devas esti kaŝataj, anstataŭ esti oficiale kuraĝigataj. Tiuj modernaj vilaĝoj estas embrioj de progreso en la lando, kaj antaŭsentigas klare pri reliberiĝonta Polujo.

La preĝejo estas konstruita sur la altaĵo, borde al la vojo. Ni supreniras tien de tempo al tempo por vidi la piulojn, elirantajn post la diservo. Ilia diverskolora vico malsupreniras zigzage laŭ la vojeto. Estas belaj kostumoj ĉi tiun vesperon: ruĝaĵo, bluaĵo, verdaĵo, jupoj florumitaj kaj belaj silkaj ŝaloj.

La suno formalaperas malantaŭ la arbaro kaj la ebenaĵo malheliĝas, dum la suno flamas ruĝege.

La malnova tombejo dormas ĉi tie, malantaŭ la preĝejo. Kiel ĉe ni, estas du aŭ tri familiaj nomoj, sur la ŝtonoj, kiuj konstante ripetiĝas. Ĉe la piedo de la ankro aŭ de la kruco, estas videblaj kelkfoje ĉenoj skulptitaj en la roko. Estas honora emblemo. Tiuj ĉi mortintoj estis poloj, ekzilitoj al Siberio, kiuj tie suferis por la patrolando post la naciaj ekribeloj.

Ĉu iliaj nepoj vidos realiĝi la bela revo de la martiraj prapatroj? Antaŭ tiuj tomboj, kiuj nin aŭskultas pri Polujo, kiu tiom suferis, kaj pri grandanima Francujo, kies amikeco ŝajnas esti por miaj gastigantoj unu el la plej bonaj motivoj por esperi.

Mi certigas al ili, ke oni pensas pri ilia nacio en la francaj tranĉeoj kaj mi citas al ili leteron de soldato, ricevita de la fronto de Vosges:

« .... Ankaŭ por Polujo ni batalas, li skribas, kaj pri tio ni ofte parolas. Ke oni tion rememorigu al la diplomatiistoj, ĉar se vere ni kreas la Historion, ili strekas la landlimojn. Ni donas nian sangon por ke regu la justeco kaj por ke oni liberigu la prematajn popolojn. Jen kial ni oferas nian vivon; malbenota estu tiu, kiu trompos nin! »

La krepusko atingas la kamparon kaj la vojon kun la altaj ulmoj, kiam ni ekiras serĉi niajn ĉevalojn por galopi al la fervojo. Estas la lasta vespero, kiun mi pasigas en Polujo.

## Braveco

De N. Ash.

John staris malantaŭ la vitrokesto, en kiu troviĝis la ringoj kostantaj inter dekses dolaroj kvindek ĝis trideknaŭ dolaroj. Li pensis je nenio speciala, kiam eniris la du uloj. Unu restis ĉe la pordo, cigaredon inter la fingroj. La alia iris antaŭen, prenis el la poŝo revolveron — kaj tute ne rapidante — li nur prenis ĝin tiel el la poŝo kaj diris... « Manojn alten »!

John tenis alte la manojn. Ĉio estis tre trankvila. La pordo de la magazeno estis fermita, de ekstere nenia bruo eniris. S-ro Waxman tenis la manojn alte, ne tre alte, ĉar li estis dika. Harry Porter la dua okupito same altenlevis la manojn. John pensis je nenio. Kelkaj bildoj trairis lian kapon: la edzino, la infano baraktanta kun la kruroj, la altigo de l'salajro promesita al li depost la unua de l'proksima monato kaj la hipoteko. Estis tre strange.

Nun ankaŭ la ulo ĉe la pordo elprenis revolveron. La alia metis la sian en la poŝon, elprenis naztukon, alpaŝis al la malfermita kaso.

La ulo ĉe la pordo diris: « Ne rikanu »! Harry Porter rikanis. Li tenis la manojn alte, la kravato eliris la veŝton kaj li rikanis. La ulo kun la naztuko restis momente, turnis sin kontraŭ Harry Porter kaj batis lin per la pugno sur la nazon. Harry ŝancelis iom, la sango fluis de sur la lipoj.

Sinjoro Waxman diris rapideme: « Prenu kion vi volas, sed ne ĝenu miajn bonulojn. Ili ja nenion faris. »

La ulo respondis: « Fermu vian bekon, alie vi spertos la samon. »

La ulo iris al la kaso kaj malfermis la tirkestojn. John komencis mediti. Lia koro batis aŭdeble, liaj kruroj tremis, io rampis lian dorson supren kaj malsupren. Sinjoro Waxman estis pala. La vizaĝo de Harry sangis.

La ulo ĉe la kaso demandis: « Kie estas la diamantoj? »

Sinjoro Waxman respondis: « En la tirkesto kun la blankaj etikedoj ». La ulo komencis serĉi. La alia ĉe la pordo grumblis: « He, vi, vi ricevos pizon en la ventron, se vi ne restas senmova.»

Harry Porter moviĝis malrapide kontraŭ la mezo de la vitrokesto, sub kiu, por ĉiu eventualaĵo troviĝis revolvero. John volis krii al li: « Ne, ne. Lasu ilin preni la diamantojn. Ili ja estas asekuritaj. Al Sinjoro Waxman estas egale. Li ja mem diris al ili, kie ili troviĝas. Ne estu idioto! »

Harry Porter amindumas knabinon; ambaŭ ŝatus edziĝi baldaŭ. Harry ŝparas. Ankaŭ la knabino ŝparas. Ŝi estis beleta. Ankaŭ Harry estis agrabla knabo Ne zorgu pri la diamantoj, Harry, pensu je via knabino!

Ankaŭ sub la tablo de John kuŝis revolvero sed li volis riski nenion. Kun tiuj uloj ne estis bone ŝercludi. Kaj li pensis je Rozalio, je la infaneto kaj je la hipoteko. Ne estis la momento nun por heroaj agoj kaj similaj idiotaĵoj.

La ulo ĉe la kaso metis blankajn etajn paperojn en la naztukon. Harry Porter malrapide nevideble preskaŭ ŝoviĝis pli kaj pli al la mezo de la vitra kesto. John pensis, ke devis pasi jaro jam, kaj tamen sciis, ke la du nur venis antaŭ minutoj. Al John ŝajnis, ke la tempo ne preterpasas, la surprizatako ankaŭ ne pasos, li mem neniam plu estos libera.

La ulo ĉe la pordo diris: « Atentu ». La alia subite turnis sin, revolveron en la mano. La ulo ĉe la pordo forlasis ĝin kaj alpaŝis Harry'on: « Vi ne estas fidinda, vi havu unu », kaj li batis lin per la revolvertenilo sur la kapon. Bruis. Harry diris: « oh! » kaj terenfalis.

Sinjoro Waxman ĝemis: « Oh, Oh! ».

La ulo kun la revolvero diris: « rapidu ».

Tra la kapo de John fluis bildoj de Rozalio, de l'infaneto, de la salajro-altigo, de la magazeno kaj de la diamantoj — kaj tiam li sin jetis teren, kaptis la revolveron de la bretaro kaj komencis pafi... krako, krako, krako; unu el la banditoj falis teren. La alia sin turnis. John sentis ion bruli kaj tiam ĉio nigriĝis...

Li vekiĝis en la hospitalo. Ce unu flanko staris Rozalio ĉe alia gazetisto. Tiu ĉi provis lin intervjui.

« Sed tio ja tute ne korespondas al la faktoj », klarigis John kion la homoj rakontas en ia revuoj pri braveco dum atako. Oni tute ne sentas sin maltima. Oni sentas sin malforta kaj malbonstata, kaj tiam io okazas, io kiel ĝi okazis ĉe ni en la magazeno kiam oni terenfaligis la alian ulon, oni forgesas ĉion kaj volas nur mortigi ».

« Jen, jen, » opiniis la gazetisto.

## Amerikanaĵoj

« Estis proksime de Honolulu », rakontis Jim. Ni preterveturis insulon tute kovritan de kankroj. Tute ruĝa estis la insulo pro la kankroj.»

« Jen oni vidas denove, kia mensogulo vi estas », kriis John. « Kankroj nur iĝos ruĝaj, kiam oni kuiras ilin ».

« Kaj jen oni konstatas denove kiom idiota vi estas », rediris Jim « Estis vulkana insulo, kun varmaj fontoj »

***

Psikologo asertas esti konstatinta, ke fraŭloj ĝenerale estas pli honestaj ol edzoj. Konsentite, ke tio estas vera. Sed oni aldonu ankaŭ, ke oni ne faras tiajn dubesencajn demandojn al fraŭloj, kiajn oni faras al edzoj.

***

Farmekspertoj rekomendas radiomuzikon dum la melkado de la bovinoj. Kaj kion diras pri tio la societoj por la bestprotektado?

***

Multe pli ol en Eŭropo oni uzas en Usono la ŝercon por la reklamo turisma. Amuza ekzemplo estas la sekvanta rakonteto, per kiu oni faras reklamon por viziti Kalifornion.

Tri amerikanoj frapas ĉe la ĉiela pordego. Sankta Petro malfermas kaj demandas la unuan el la tri: Nu, knabo, de kie ci venas? — « De Texas », respondis tiu ĉi. — « Bone, eniru ». Same li demandis la alian, de kie li venas. « De Novjorko », sonis la respondo. « Eniru, kompatindulo », vokis Sankta Petro, « eniru rapide, por ke ci vidu foje ion belan ». — Kaj fine li demandis la trian, « kaj de kie ci venas » « De Kalifornio ». Tiam Sankta Petro skuis la kapon senkonsile kaj fine diris: « Se ci volas, ci ja povas eniri, sed mi kredas, ke ci estos seniluziigata ».

## Ironio

*La francoj havas altan respekton por la lingvo. « Il a trouvé ce mot », (Li trovis tiun ĉi vorton...) La vorto jam ekzistis, la aŭtoro nur trovis ĝin.*

.˙.

*La angla lingvo estas tre simpla sed malfacila lingvo. Ĝi konsistas nur el fremdvortoj, pronuncataj false.*

.˙.

*Prijuĝante homon ĝuste, oni sin demandu ĉiam: « Ĉu ci ŝatus ĉi-tiun ulon kiel cian estron? ».*

.˙.

*La sveda pentristo Engström diris pri unu de siaj figurantoj: " Li strabis tiel, ke merkrede li vidis ambaŭ dimanĉojn samtempe."*

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

Kritik-historia skizo
de Petro Stojan

VII.

*(sekvo)*

La Unua Libro, kiun Zamenhof deklaris « komuna fundamento », estis 48-paĝa libreto : « Dr. Esperanto. Internacia Lingvo. Antaŭparolo kaj kompleta lernolibro (kun vortaro) » eldonita kiel kvar naciaj lerniloj por Rusoj, Poloj, Francoj, Germanoj. Vere internacia eldono, nuresperanta, ne ekzistis. Esperantaj tekstoj, frazoj, radikaro — estis preskaŭ identaj morfologie en la kvar libretoj, sed iliaj nacilingvaj tradukoj iom diferencis laŭsence. Tio estis neevitebla sekvo de la konata lingva fenomeno : ŝajne identaj vortoj de du lingvoj neniam precize interrespondas laŭsence. La radiko *erar* reprezentis por franca esperantisto la ideon *errer* (laŭ la folia vortaro de la Unua Libro) kaj por la germana la ideon *irren*, dume por Zamenhof mem tiu radiko portis en si la ideon de la rusa vorto *oŝibatjsa*. Tiel okazis, ke en la unua tempo la radiko *erar* elvokis ĉe diversnaciaj adeptoj diversajn ideojn : vagi, erariri, trompiĝi, erari, sintrompi. Laŭ la ekstera flanko la Lingvo Internacia funkciis, ĉar la formoj estis korektaj, identaj, sed interne la semasiologia flanko lamis.

Zamenhof finkreis sian lingvon en la aĝo de 26 jaroj, kaj en tiu junepoko liaj filologiaj scioj estis sekvas « logike » tiaj uzoj de akuzativo, kiaj estas ekzemple : « la duan de Majo, unu belan matenon li leviĝis... rivero longa mil kilometrojn » ktp. Afiksoj forestas en tiu eta « gramatiko », ili aperas nur en la vortaro (ni diras nun « radikaro »), Sed el tiu « vortaro » la pioniro tute ne povis vidi kian rolon ludas prepozicioj prefikse uzataj, ekzemple : « pensi pri » kaj prilabori, prilumi, pripensi, — « labori je » kaj jelabori (=plugi), — « flui el » kaj elflui, ellabori, elpensi, eldoni, eldiri, — « veni kune » kaj kunveni, kunsenti, kunigi. Se tio ŝajnis « klara » por slavoj kaj germanoj, la neeŭropaj adeptoj, ĉinoj, japanoj, turkoj estis nekapablaj tion diveni alie ol tra la prismo de iu eŭropa lingvo. Senpera verbigado, tiom grava por la funkciado, restis tute en ombro : ĉu oni povis diri *nokti* anstataŭ pasigi nokton, *sali* aŭ saligi, *ori* aŭ orumi, *loki* aŭ lokigi, *klasi* aŭ klasigi, kaj mil aliaj formoj, pri tio la fundamenta « gramatiko » silentas.

La « vortaro » estis unu folio (40 × 43 cm) kun 917 radikoj tradukitaj plejofte per unu nacia vorto. En tiu listo mankis multaj elementaj vortoj : adreso, afabla, agi, akcento, akcepti, akiri, aludi, ambaŭ, amuzi, anonci, aperi, aprobi, aresto, armi, atento, atingi, brako... sed estis aliaj ne tiom necesaj : aglo, anĝelo, azeno, brando, dezerto, faldi, ganto, haladzo, haringo, kravato, palpebro, pulvo, tajloro, urso, veneno. Ni ne povas doni seriozan atenton al la vortareto de la junulo, kiu konis la vivon ĉefe el libroj, kaj multajn objektojn nur per leksikonoj, duko de Hamleto (1894) kaj samjare la Ekzercaro kaj Universala Vortaro, el kiuj poste formiĝas la oficiala, sankciita en Bulonjo, « Fundamento de Esperanto » (1905). Ni do haltu iom ĉi tie por ĉirkaŭrigardi la Zamenhofan lingvon en ĝia pura formo, sendepende de alies influoj, preskaŭ identa al la lingvo de 1885. En la Fundamento 2772 radikoj formas mekanismon, kiu havigas teorie senliman nombron da kunmetaĵoj, praktike ĝis 1 000 000. Fremdaj internaciaj vortoj estas nur tolerataj, sed veran kernon de la lingvo konsistigas kunmetaĵoj pure esperantaj : batalilejo (arsenalo), kaptoŝnuro (lazo), publika vendo (aŭkcio), antaŭaĉeti (akapari), profundegaĵo (abismo), ŝanceliĝi (heziti), elrigardi (aspekti), kulpigi (akuzi), klarigi (ekspliki), almiliti (konkeri), dunaskito (ĝemelo), ĉirkaŭmano (braceleto), vidaĵo (vizio), rampaĵo (reptilio), k. m. a. — tiaj estis tipaj Zamenhofaj vortoj (enkrampaj vortoj estas novaĵoj, kiujn enkondukis okcidenteŭropaj esperantistoj). Propaj nomoj estas skribataj nur per 28 esperantaj literoj, laŭ la proksimuma elparolo, aŭ laŭ la grafio klasika : Ŝekspiro (Shakespeare), Ŝilero (Schiller), Vaŝingtono (Washington), Nurenbergo (Nürnberg), Odeso (Odessa), Varsovio (Warszawa), Munĥeno (München), Parizo (Paris), Vieno Wien), Julio (Julia), Julio (Julius), Mario (Maria, Marie), Mario (Marius), Johano (Johann, Johannes, Jean, John, Joan, Jan, Giovanni, Gianni)... Preskaŭ absoluta unuformeco regas en landnomoj : Rusujo, Francujo, Holandujo, Aŭstrujo, Bohemujo, Irlandujo, Brazilujo, soj. Li prave ideis, ke la vera riĉeco de lingvo estas tiu kiu kreiĝas el ĝia propra trezorejo. Efektive, apud sanskrito kaj helleno la franca kaj angla similas al almozuloj kiuj portas en sako mil fremdaĵojn. Kontraŭ la senviva serio franca : *eau - aquatique - hydropathie - waterballast*, la lingvo de Zamenhof fiere havis : *akvo - akva- akvo - kuraco - akvoŝarĝo*. Kaj tia devis esti la tuta lingvo. Kelkcent unuaj disĉiploj de Zamenhof, kiuj volis finkonstrui la lingvon, apogis sin sur la aŭtoro, sen kiu ili estis nekapablaj ion utilan fari. Majstro transdonanta ĉion al siaj disĉiploj, disĉiploj revenantaj al la majstro por trovi lian gvidon kaj konsilon : en tia « circulus vitiosus » (senelirejo) troviĝis la Lingvo Internacia apenaŭ aperinta el vindoj.

Post la unua brila impreso, farita de la Unua Libro (1887), venis grizaj tagoj por la pacienca laboro, daŭriga konstruado, plenumado de la Zamenhofa programo, — kaj ĝuste tiam ekombris la granda abismo, senfundego, inter la principa reguleco kaj simpleco de Esperanto, kaj la praktika kaoso en internaciaj vortoj. Ne tio estis grava, ke mankis kompletaj vortaroj kaj detalaj gramatikoj : tion povus krei venontaj konstruantoj, se ili havus firman bazon, apogitan sur klaraj principoj, egale adoptitaj de diversnaciaj disĉiploj. La nekompleta sistemo de l'artikolo, la nefiksita verbigado de kvalitaj radikoj, la hezitanta sekso de bestaj nomoj, la nesimetrio en la korelativa tabelo (kiun oni instinkte etendis ĝis : alia, alio, alie,...) tio ĉio estis ŝajne negravaj detaloj, kiam oni ilin konsideris unu post alia ; sed per sia ĝi ne estas tia, ni senbrue elprovu, kompletigu, korektigu Esperanton, iom post iom, altirante nur laboremulojn al nia programo de finpretigado... Kaj ni lasu tiel marŝi dek aŭ dekkvin jarojn.

Sed tia trankvila spirito ne venis al tiamaj esperantistoj. En si mem ili konsciis ke la lingvo estas mankohava, nepolurita, nefinita. Sed por la ekstera mondo, en kiu minace siluetis fiaskintaj volapükanoj, ili laŭte proklamis ĝin kompleta kaj perfekta, « pli riĉa ol iu ajn nacia. » La deziro de ekstera sukceso, en kiu kunfandiĝis ambicio, gloramo, kontraŭvolapüka venĝeto, aspiro al la universala entuziasmigo,... tiu deziro (ĉiam fermentita de la sama flamo 18-jarula) vibris pli forte ol prudentaj konsideroj pri la nesufiĉa gramatiko, neakordita strukturo, mankohava radikaro, mankanta vortaro, neekzistanta sintakso. Kontraŭ tiu prudento laŭte kriis la entuziasmo : kaj tamen nia lingvo funkcias ! Se mankas vortoj, ni ilin enkondukos, aldonante esperantajn finaĵojn al la internaciaj radikoj ! Ĉi tie estis dua eraro, aŭ pli ĝuste : iluzio.

Kiel junspiritaj, nespertaj, ofte profanaj lingv-uzantoj, la unuaj pioniroj, kondukataj de Zamenhof, kaj kondukantaj lin, naive opiniis granda miraklo ke oni povis interkompreniĝi en Esperanto. Tiel raviĝas infano, kiu, premante kaj turnante pupon, aŭdas ke ĝi diras : papa... mama, vidas ke ĝi fermas kaj malfermas okulojn ! Ili ne sciis, ke ĉiu lingvo, eĉ albana, cigana kaj ĉinuka, povas funkcii, esti uzata por iu ajn fako, per la aldono de necesaj vortoj. Ne en tio estis la pezocentro de la mond-

## El Tokjo, Novjorko, Londono, Parizo Varsovion venos amiko kun valizo

malvastaj. La lingvistiko kiun li povus studi en tiu tempo vivis ankoraŭ siajn romantikajn jarojn, inspiritajn de belaj teorioj pri abstraktaj praradikoj, pri verba karaktero de primitivaj elementoj ktp. Sed eĉ tiun lingvistikon Zamenhof ne povis absorbi : li studis medicinon kaj plenigis sian liberan tempon per la kreado de Esperanto. Do, neniu rajtas riproĉi al li la mankojn en la lingvo, ĉar la samon mankis aliaj, pli aĝaj kaj pli dotitaj mondlingvistoj. La sana lingva instinkto, de juna Zamenhof, avantaĝe anstataŭis lian nesufiĉan lingvistan sperton. Kaj tion konfesante, li aludas siajn erarojn, nesufiĉajn fortojn — en la tasko de la lingvokreado — kaj tre saĝe li lasas al la kolektiva laboro la detalan formadon de Esperanto, sur la firma bazo de la Fundamento. Ni do vidu kio estis tiu « komuna fundamento », la Unua Libro.

Gramatiko sespaĝa kun 16 reguloj, mallonge formulitaj. Unua regulo simple konstatas : ekzistas nur difinita artikolo, egala por ĉiuj genroj, kazoj, nombroj. Ruso, ne havante artikolon en sia hejmlingvo, estis embarasita : kiam kaj kiel uzi tiun enigman por li vorteton, — plej ofte la unuaj rusaj pioniroj aŭ tute ne uzis ĝin, aŭ trouzis. Nenia klarigo ekzistis por ilin helpi pri tio.

La akuzativo estas klarigata nur per la vortoj : « ĝi formiĝas per aldono de « n ». Se tio sufiĉis por slavo, kiu havas ĝin en sia lingvo, franco aŭ anglo estis embarasita ; kaj eĉ por slavo tute ne kaj ĉia kritiko en tiu senco estus same nedeca, kiel naiva estas la deziro vidi en la « Unua Libro » maturan genian verkon de plenaĝa viro.

Jam en 1889 Zamenhof publikigis pli kompletan radikaron (kiu poste formas nomenklaturon de la Universala Vortaro) en sia « Meza vortaro internacia-germana » kun pli ol 2600 radikoj, kaj unuan naciesperantan vortaron, kie 9000 rusaj vortoj estas interpretitaj per 2800 esperantaj radikoj.

Malgraŭ sia deklaro en la « Aldono al la Unua Libro », ke li lasas al la adeptaro la zorgon pliriĉigi Esperanton, ke la « komuna fundamento » (kun 917 radikoj) plene sufiĉas por la ordinara uzo, Zamenhof en la sama jaro (1889) eldonas du vortarojn kun 1900 novaj radikoj, kiuj aperis senŝanĝe tiaj, kiajn li preparis jam en 1885.

De 1889 ĝis 1895 aperas en Nürnberg « La Esperantisto », centra organo, redaktata de Zamenhof mem, en kiu aperas tradukoj, originalaj artikoloj, versaĵoj, lingvaj diskutoj, proponoj de organizo, — ĉio, kio interesas tiuepokan adeptaron, precipe ĝian aktivan parton, tri aŭ kvar cent pionirojn. La « Fundamenta Krestomatio », modelo de Zamenhofa stilo, eldonita en 1903, estis nur represo (kun tre malmultaj korektoj) de la artikoloj el « La Esperantisto ». Tiuj jaroj 1889-1895 estis epoko kiam disfloris Zamenhofa verko kaj definitive formiĝis lia lingvo, sen eksteraj influoj. Ĉe la fino de tiu (rusa) periodo aperis lia tra-Kanadujo, Palestinujo, Egiptujo, Siriujo, Bosnujo, Galicujo,... (escepte : Finnlando, Greklando, Estlando, Skotlando).

Malgraŭ la sincera deziro esti « logika » kaj « internacie klara » multaj naciaĵoj enfiltriĝas : finiĝo (finaĵo), denove (ree), sin trovas (ekzistas), estaĵo (vivulo), kreskaĵo (vegetalo, planto) disreviĝi (elreviĝi, seniluziiĝi), buddisto (budhano), kalvinisto (kalvinano), beleco (belo), alteco (alto), memmortigo (sinmortigo), memestimo (sinestimo), memfido (sinfido), kiom eble plej (plejeble), kara (kostega, egpreza), sonĝo (revo), naskiĝinta (naskita), juneco (junaĝo), prezentu al vi (vi imagu), nia estinta prezidanto (nia prezidinto), deputato (deputito), bonsoneco (belsoneco), vortaro de radikoj (radikaro), listo da nomoj (nomaro),... en ili ni facile rekonas influon jen de la rusa, jen de la franca aŭ germana lingvoj.

Zamenhof intencis krei lingvon memstaran, kvankam bazitan sur internacie konataj elementoj. Tio estis ebla. La angla kaj franca lingvoj ekzemplas pri tio : ambaŭ formiĝis el diversspecaj elementoj teŭtaj, keltaj, latinaj, grekaj, arabaj, sed ambaŭ nun posedas propran spiriton, propran strukturon, kiu ne ekzistis en la originaj lingvoj suprenomitaj. Por limigi sian kreaĵon for de la naciaj lingvoj — Zamenhof kreis abocon ne similan al historie konataj alfabetoj, kvankam parencan al ili. Kiel sanskrito kaj helleno, Esperanto devis krei sian riĉan vortaron da centmil vortoj el 900 radikoj kaj afiktutaĵo ili pensigis pri aliaj eblecoj, kaj maltrankviligis la subkonscion de Zamenhof kaj de lia adeptaro. Cetere, dum unuaj du jaroj (1887-1888), Zamenhof mem insistis ke ĉiu komuniku al li siajn kritikojn, siajn rimarkojn pri la mankoj kaj misecoj de la « lingvo internacia ».

La verko estis nematura, tion Zamenhof mem konsciis, kaj li atendis jen « kongreson de instruituloj » kiu volus korekti kaj kompletigi la lingvon, jen « publikon » kiu povus ĝin maturigi, jen « adeptojn » kiuj kapablus daŭrigi la verkon, fine li atendis de la « Akademio » la krean laboron. En 1894, kiam ĉiuj atendoj de Zamenhof montriĝis vanaj, il konsentis provi la vojon de reformoj. Tio estis unua granda eraro. Kial, nur post 7 jaroj da tre modesta ekzistado, tuj entrepreni radikalan reformon de la tuta lingvo ? De aboco ĝis vortaro ! Sed, kion oni faris dum tiuj 7 jaroj ? — Oni nur propagandis la lingvon, kiel « pretan ». Oni do trompis sin mem. Zamenhof 29-jara, sed kun la sama spirito de 18-jarulo, pretendis kolekti 10.000.000 da aliĝoj dum la... unua jaro. Li kolektis je la fino de la unua jaro nur 1.000. Tio estis unua malvarma leciono de la vivo. Sed Zamenhof ĝin ne atentis : li skribas : « ni daŭrigu kolekti la aliĝojn (promesojn ellerni)... ni sukcesos. » La dua jaro alportas duan malvarmigon. Sed Zamenhof kaj liaj eksterrealaj adeptoj tion ne vidas. Se estus inter ili iu objektivulo, li devus diri : ni haltu propagandi lingvon « pretan », ĉar lingva problemo. Ja Volapük mem, tiu malbelega monstro, fakte funkciis por tiuj, kiuj ĝin pacience ellernis. La problemo estis en la postulo trovi lingvon pli klaran kaj pli elastan ol ceteraj artefaritaj lingvoj, kaj pli taŭgan ol latino. En sia primitiva formo, Esperanto ne plenumis la postulon, kaj estis ĝuste la tasko de la pioniroj ĝin elprovi kaj kompletigi. Anstataŭ tio oni tro sin donis por la propagando, kaj ĉiujare parto da novuloj foriĝis, vidinte ke la lingvo ne estis preta. En 1894 oni faris ree la eraron, volante per unu bato reformi la lingvon de kapo ĝis piedoj, anstataŭ kontentigi je malrapida plibonigado de detaloj, unue plej evidente maltaŭgaj, lasante la reston al venontaj jaroj, Ni ne kuraĝas decide juĝi la konduton de Zamenhof, kiu alkondukis la reforman aferon al certa fiasko per sia persona reform-projekto, kiun neniu povis kontentigi, Unue, ne al li apertenis la tasko korekti sian idon. Tion devus fari aliaj. Due, se estus voĉdone decidata pli modera kaj pli senca reform-projekto, — ĝi facile akirus la plimulton, ĉar eĉ la maltrafa propono gajnis 144 voĉojn kontraŭ 157. Trie, en 1894, kiam esperantistoj sin nombris pli ol 5000, la tuta nombro da voĉdonantoj, kiu estis 301, tute ne povis provi ion ajn por aŭ kontraŭ la reforma problemo. Ja 4.691 esperantistoj nenion diris pri la demando, 157 estis kontraŭ, 144 por.

(Daŭrigo sekvos).

# Leterkesto de la Redakcio

## Pri kongres-dato

El letero de nederlanda samideano ni eltiras jenan konsideron pri la tempo de la Univ. Kongresoj :

Estis kutimo dum multaj jaroj, ke la Intern. Kongresoj okazis en la unua semajno de Aŭgusto. Oni nur bezonis rigardi la kalendaron por scii la precizan kongresdaton.

En la lastaj jaroj tiu reguleco ŝanĝiĝis. Ŝajnas esti inklino fiksi la kongreson dum la 2a semajno.

Ĉu tiu ŝanĝigo estas plibonigo ? Ni kredas la respondon dubinda. Kiam la somero alproksimiĝas en grandaj oficejoj, ĉu ŝtataj aŭ privataj, en magazenoj k. t. p. oni komencas fiksi la libertempon de la oficistoj. Facila laboro tio ne estas. Ĉiu klopodas ekhavi por sin mem la plej taŭgan tempon. Estas nun ofta kutimo dividi Aŭguston en 2 duonoj, kaj unu oficisto prenas la unuaj 2 semajnojn la alia la reston.

Dum tiu unua duono do okazas la Kongreso, kaj en ĝi oni ĝuas, ekhavas belajn impresojn oni laciĝas kaj post belega tempo oni reiras hejmen. Ĉio turniĝas en la kapo pro la multaj interesaj travivaĵoj kaj pri tiuj belaĵoj oni ne povas ne rakonti kaj tute malkutimiĝas la ordinara ĉiutaga vivo.

Pro la *nuna* kongrestempo oni en priskribita animstato tuj devas eniri la oficejon. El tiu bela sfero oni subite devas metamorfozi en ĉiutaga homo. Tiu salto estas tro granda, tro ruiniga.

Laŭ la antaŭa kongresdato al la kongresinto restis ankoraŭ libertempon en kiu li povas postĝui, el la festsfero li povas aklimatiĝi al ordinara homo, li povas ripozi. Sendube tio pligrandigas la ĝuon de kongreso.

Ni ne konas la tialon de la datŝanĝo sed ni volus diri, se ne estas grava kaŭzo : Oni reiru al la semajno, kiu dum tiom da jaroj pruvis esti konvena al la kongresano, oni reenkonduku la en Esperantujo tiel konatan « Kongressemajnon », tiu estas la unua semajno en Aŭgusto.

J. D. Br.

## Pri sekreta lingvo

Aldone al la aludoj pri Ruslandaj sekretaj lingvoj mi neatendite trovis ĉe P. MELNIKOV (pseŭdonomo de rusa aŭtoro A. Peĉerski), en la « Plena Verkaro » 1909, vol. 7 (2-a eld.), sur la 61-a paĝo pri 3 specoj de la sekretaj lingvoj : tarabara, ofenja, alegoria, kiel specimenon mi transkribas la unuan strofon de nia himno en la tarabara lingvo ; tiu lingvo lasas vokalojn, sed interŝanĝas konsonantojn laŭ aparta konvencia ordo, kiun legantoj povas laŭplaĉe diveni. Do, jen la transskribo :

Epsa ropco pŝep ilpoŝa lepko,
Kma sarop coim alzom kaŝoto,
Lumz suĉisoh ces zadisa ŝepko,
Pupce sotoz suĉu bias soto,
Peas ĉsaŝo lapĉop loizapka,
Bisa jorap kimal zari siop,
Assa ropce kempe risi kapka,
Bin morelal lapt kapjam ropiop.

En Ruslando nuna ĉiu rajtas kanti nian himnon en la origina formo, sed la supra sekretlingva traduko eble utilos por tiuj landoj, kie Esperanto estas « ferbotita ».

Ivan SKITO.

## Ĝustigo de D-ro Wüster pri "spion-agado"

En « Esperanto », numero de februaro 1937 (numero 436), paĝo 12, kolono 2 troviĝas noto, kiu okupiĝas pri mia persono. Laŭ tiu noto iu « inĝeniero Wüster » estas mi, t. e. la aŭtoro de la Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana.

Legantoj de miaj ruslingvaj eldonaĵoj deziris, ke mi respondu al tiu demando. Tial mi deklaras:

Tiu « inĝeniero Wüster », kiu ludis rolon en la politika proceso en Moskvo, estas alia persono. Mi eĉ ne konas lin, kvankam mia familia nomo estas tre malofta. Oni diris al mi, ke la alia sinjoro loĝis en la jaroj 1931 ĝis 1933 en Berlin, Armstrasse 39 ; mi mem, kontraŭe, transloĝiĝis en la fino de 1930 de Berlin (Germanio) al Wieselburg (Aŭstrio). Kaj mi neniam havis politikajn rilatojn kun teknikistoj vivantaj en Ruslando.

Wieselburg, 22.3.1937

Eugen Wüster.

## Festjaro de Hungarujo 1938

La XXXIV Eŭkaristia Kongreso en 1938, kunvenos en Budapest. Samjare jubileos la hungaroj la 900-an mortdatrevenon de sia unua kaj apostola reĝo Sankta Stefano kaj aranĝas la XX.-an mondkongreson de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. La solenaĵojn antaŭpreparas la ACTIO CATHOLICA kaj en ties kadro la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo. La Eŭkaristia Kongreso okazos dum Majo, la solenaĵoj de Sankta Stefano dum Aŭgusto kaj la Mondkongreso de IKUE verŝajne tuj post la Eŭkaristia Kongreso, aŭ antaŭ la St. Stefana-solenaĵoj.

La Hungarlanda Katolika Esperanto Societo kun streĉita forto laboras, ke kiel eble plej multe da katolikoj lernu nian lingvon, por ke la vizitantoj de la solenaĵoj senpere povu interrilati kun iliaj religiofratoj hungaraj. La protektadon de la Societo bonvolis akcepti la religia ministro HÓMAN BÁLINT kaj la plej altan honorprezidantecon, lia princprimata moŝto SERÉDI JUSZTINIÁN. En la ekleziaj rondoj regas grandega interesiĝo pri Esperanto. Multaj pastroj lernas la lingvon kaj pastro Francisko Zsiros, redaktoro de la plej disvastiĝinta kaj plej katolika semajna revuo, la « SZIV » ĉiusemajne aperigas favorajn artikolojn pri Esperanto kaj pri ĝia valoro por la Eklezio. Parlamentano PETAJNEK JÓZSEF, landa prezidanto de la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo, celas enkonduki ĝeneralan klopodadon sub la devizo « Esperanto en la lernejon ! » kaj ĉi tiu cele serĉas interrilatojn kun ĉiulandaj parlamentanoj esperantistaj. Do vigla laboro regas en la hungaraj katolikaj rondoj kaj favora vento akcelas la antaŭeniron de nia ĝenerala revo. Laŭ la proverbo : « Frapu la feron, kiam ĝi ardas », rapidu helpi al la hungara katolika esperantistaro ! Sciigu la adresojn del' esperantemaj pastroj kaj parlamentanoj. Propagandu inter tiuj, kiuj intencas viziti Hungarujon, ke ili lernu Esperanton, ĉar per ties helpo ili povos interkompreniĝi facile dum la solenaĵoj kaj petu la direktoron de la HUNGARA RADIOSTACIO, Budapest, Sándor u. 8., ke ĝi disaŭdigu Esperantlingve pri la hungaraj vidindaĵoj kaj sciindaĵoj.

Leteradreso de la Hungarlanda Katolika Esperanto Societo estas: Budapest, Petőfi Sándor u. 9. IV. 3.

**Atentu** **Atentu**

**Mankas al mi jenaj numeroj de ESPERANTO de 389 ĝis 400 inkl., 413, 417, 428. Al tiu esperantisto kiu ilin sendos al mi, mi rekompencos per sendo de ekzemplero de "Landoj de l'Fantazio", Edzino de Potifar" Komerca Vortaro. Skribu al S-ro Corrado Cerri, ĉefdelegito de U E A, Pavana Pistoise, Pistoia, Italio.**

# Radio-disaŭdigo : Ljubljana Vespero 15 Aprilo 1937 — 22, 15 ĝis 23.15 h. Ondo 569,3 ; 5 kw.

# Oficiala Informilo de UEA : N-ro 6

**1937 Aprilo 29-a Jaro**

## Membroj-subtenantoj

**2-a listo**

Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1937 la jenaj samideanoj Al ĉiuj koran sinceran dankon.

26 Sro. Chr. Kromziek, Rotterdam.
27 S-ino Tissot-Martin, Basel.
28 Dro. W. G. Joustra, Medan.
29 Sro. M. Jagoda, Brooklyn.
30 Sro. J. Kozlevĉar, Ljubljana.
31 Sro. J. A. Melbye, Oslo.
32 Sro. G. Strœle, Neuchâtel.
33 Sro. J. Wolf, Chaux-de-fonds.
34 Sro. L. Ozouf, Lausanne.
35 Sro. A. W. Thomson, Bexleyheath.
36 Sro. Scheurer, Lyss.
37 Sro. L. K. White, Kenilworth.
38 S-ino E. Ith, Aix-en-Provence.
39 Sro. J. v. d. Plas, Rotterdam.
40 Sro. S. P. Duin, Noordwijkerhout.
41 F-ino M. Vingerhoets, Amsterdam.
42 F-ino G. Jongbloed, Arnhem.
43 Sro. W. Douglas, Glasgow.
44 Sro. L. Thomas, Myszkow.
45 Sro. Dro. J. Loth, Warszawa.
46 Sro. J. Ŝapiro, Bialystock.
47 S-ino M. Joerin, Genève.
48 S-ino F. Tchouitch, Genève.
49 Sro. G. Nigg, Gersau.
50 Sro. B. Fulda, Varsovio.

*Ĉefdelegito ĉeĥoslovaka.*

La Prov. Komitota de UEA nomis ĝis regula elekto,

S-ron Frant. Slavik.
Uralské nám. / 447, Praha-Bubeneĉ XIX, Ĉefdelegiton de UEA.

Ĉiuj pagoj por UEA, kotizoj, anoncoj, mendoj en ĈSR estu de nun farataj al la nova ĉefdelegito.

*Ĉefdelegito franca :*

La Provizora Komitato nomis ĝis regula elekto, ĉefdelegiton de UEA.

S-ron Daniel Chagnoux.
10 Rue Rosa Bonheur, Yzeure (Allier).

Poŝtĉekkonto : Clermont-Ferrand 99.86.

Ĉiuj pagoj de kotizoj, mendo de insignoj en Francujo estu farataj al li.

*Premioj al frupagintoj.*

Sekve de la malklareco, reginta ĝis plena reaktivigo de la UEA Centro, multaj samideanoj atendis realiĝi, kaj sekve profiti de la premio de frupago. Por bonigi tiun ĉi fakton, la rajto ricevi tian premion estas plilongigata ĝis *31 Majo 1937.*

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas, ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Ekspozicia Servo de UEA*

Liveras kontraŭ nura repago de la propraj kostoj fundamentan materialon por Esperanto-Ekspozicio. Pezo : 5 kgr. Kosto 20 Frk. sv. (En Svislando 15 Frk.).

## Niaj mortintoj

Kun granda ĉagreno ni sciiĝas pri la forpaso de Dumviva Membro 51, D-ro Werner Marchand en New York City, okazinta dum lasta monato. Al lia familio ni esprimas nian sinceran kondolencon. S-ro Marchand vivis antaŭ la milito en Svislando kaj tie li amikiĝis al UEA farĝinte ĝia dumviva ano. Li ripozu en paco.

Ĵus antaŭ preso ni sciiĝas pri la morto de

*S-ro Advokato Michaux*, organizinto de l'Unua Kongreso en Boulogne s. M.

kaj de

*S-ino Leonora*, edzino de Edv. Wiesenfeld, L. K. en Varsovio.

# *ANONCOJ - VARIAĴOJ*

## Radio

La agema Esperanta-Klubo en Ljubljana Jugoslavio informas :

En la kluba plano estas inter alie disaŭdigi en la radio-Ljubljana /569.3 m 5 kw/ unufoje monate po unu esperantan vesperon.

La dua esperanta vespero sub la nomo « LJUBLJANA VESPERO » okazos ĵaŭde la 15-an de Aprilo je la 22.15 horo. La vespero dauros proksimume unu horon.

*Ljubljana Vespero.*

1./ Ljubljana, koro de Slovenio. Prelegos Joze Kozlevĉar.

2./ R. Murnik : Mataja Matio unuan fojon en Ljubljana./ Ŝerca rakonto/ Prelegos Franc Krambergar.

3./ Interesaĵoj de Ljubljana. Dialogo prezentata de ljubljanano kaj fremdulo. Kunlaboros Deziderij Mizerit kaj Joze Kozlevĉar.

4./ Ljubljananaj popolkantoj. Kantos anoj de Esperanta klubo.

La tutan programon kunmetis kaj donas Esperanta klubo.

Aŭskultantoj subtenu la laboron de la samideanoj en Ljubljana, skribante al Radio-Stacio en Ljubljana pri viaj impresoj, aŭ dankante pro la interesa programo. Estontaj disaŭdigoj dependas de la atento kiun la Esperantistoj donas al tiuj programoj.

## Korespondado

Esperantistoj de Kramatorsk tre deziras korespondi kun esperantistoj de ĉiuj landoj pri vivmaniero, laborkondiĉoj, pri laboro de sindikatoj. Dez. interŝanĝi gazetojn, esp. librojn, fotaĵojn, afiŝojn, PM., PI. ktp.

Kruĝok Esperanto, Dvorec Kultury im. Lenina *Kramatorsk* (Donbass), USSR.

**Kvinjara esperantista skoltlaboro en Szeged-Hungarujo**

Antaŭ kvin jaroj la fervora propagandisto kaj en skoltaj rondaj bona konata skoltestro Ernesto Farkas fondis skoltan esperantistan klubon en Szeged, kie agemaj skoltoj komencis lerni Esperanton.

Ĉiujare oni aranĝas novajn kursojn, kiujn ne nur skoltoj, sed ankau skoltinoj partoprenas. Nuntempe profesoro E. Babiczky gvidas kursojn. La klubo havas vastan korespondadon kun 45 landoj kaj konatigas la kulturon en tiuj landoj, kie eĉ oni ne sciis, ke Hungarujo estas miljara sendependa ŝtata unueco.

La rondo organizas dumvintre popoledukan kurson en kiu oni parolas pri diversaj temoj klarigitaj per lumbildoj. Do en Szeged estas vigla esperantista vivo inter la skoltoj kaj baldaŭ el ĉi-tiu sole estanta esperanta rondo kreskos aliaj. Kaj ni deziras « bonan laboron » al la szegedaj esperantistaj skoltoj.

Prof. Andreo Gauder.

## POŜTMARKOJ

Interŝanĝas PM ĉiulandaj kontraù estonaj kaj najbar-landoj. Nur kun seriozuloj. Bazo Katalogo Yvert kaj Michel. S-ro J. Löhmus, Aia 15, Valga, Estonio.

## Katolikoj

La HUNGARLANDA KATOLIKA ESPERANTO SOCIETO : leteradreso, Budapest, Petőfi Sándor u. 9. IV. 3. :/ ekde januaro 1937. eldonas dulingvan revueton : « KATOLIKUSOK CSILLAGA, KATOLIKA STELO », celante propagandon kaj informadon.

La redakcio petas la tutmondan katolikaron, bonvolu informi ĝin pri ĉiuj okazintaĵoj, kiuj taŭgas por interesi ankaŭ alilandajn katolikojn.

Artikoletojn ( : ĝis 1000 vortoj : ) pri rigore katolikaj temoj, la redakcio kun danko akceptas.

## Kolektantoj

Internacia Kolektanta Adresaro represos senpage unufoje la adresojn de ĉiuj ekstereŭropaj gesamideanoj, kiuj deziras korespondadi. Sciigu tuj vian adreson maŝine skribitan al Internacia Kolektanta Adresaro, Praha-Brevnov 514. Ĉeĥoslovakujo.

## BRAZILA POŜTMARKO

Bonvolu tuj skribi ilustritan poŝtkarton, mendante senpage belan memorigan poŝtmarkon de la Brazila poŝto kun teksto en Esperanto. Ĝi estos utila al via propagando kaj via respondo estas tre utila por mia propra propagando. Adresi al S-ro Ismael Gomez Braga, Rua José Vicente 79, Andahary, Rio de Janeiro.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,**
**Red. : Provizora Komitato de U E A**

**Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)**

**Dato: 10 Aprilo 1937**